# PENSEO

N-ro 111
Jan../2001

Monata Beletra Revueto en Esperanto
Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 www.crosswinds.net/~zfmao/penseo


## VORTOJ DE REDAKTORO

Fronte al la nova jarcento, mi sentas fortan impulson elbuŝigi ion, sed vane. Kontraŭe multe da malplenaj vortoj eble ruinigos nian movadon. Kiel nia pioniro admonis, ni "fosu nian sulkon". Nur se niaj samideanoj kontribuos iomete, nia movado certe prosperos.

Feliĉan Novjaron!

Feliĉan Printempan Feston!




**Vejdo**




## Vortoj de Heroino

Zou Shihua

Neniu povis imagi, ke ŝi, malalta kaj belaspekta, eĉ sin kondutis kortuŝiga kaj animskuiga fronte al la sangosoifanta ponardo de krimulo.

Tamen tio estis fakto. Nuntempe ŝi kuŝas en la hospitala lito senkonscie.Kiam la rabanto perforte malfermis la monkeston kaj estis forrabonta la enorman kvanton da konstanta mono, senhezite ŝi sin puŝis al li. Ŝi estis vundita je kelkaj hakoj, duŝita en sango, sed ŝi kaptis lin firme ĝis kiam la aliaj dormantaj vekiĝis ŝokite el sonĝo…

"Ŝi estas vere brave! Vera heroino!" estis la admiro el malsamaj buŝoj.

Post urĝa kuracado, la heroino eliris el la danĝero kaj estis venonta al konscio.

Ĉirkaŭ la lito staris multaj homoj: la supeulo el la altnivela administracio, la respondeculo de ŝia oficejo, raportistoj de ĵurnaloj, televid-stacio kaj radio-stacio, kaj parencoj de la heroino.

Ŝi ekmovis, kjaj ŝia lipoj jen malfermiĝis jen fermiĝis.

La atendantoj ĉirkaŭ la lito ekscitiĝis. La heroino tuj vekiĝos kaj povos paroli! Kian gravecon ŝia parolo havas!

"Estas sendube, ke ŝi demandos, 'La ŝtata mono ne suferis perdon, ĉu? Ĉu oni jam kaptis la rabanton?'" La superolu pensis en si kun plena certeco.

"Ŝi certe demandos, 'La ŝtata mono ne suferis perdon, ĉu? Ĉu oni jam kaptis la rabanton?'" La respondeculo havis la saman psikon kiel la superulo, ĉar li jam havigis al si la ruzon kiamaniere trakti tiaspecan aferon ĝuste pro sia ofta legado de la similaj raportaĵoj en ĵurnaloj.

"Ŝi certe diros, 'Dankon al vi superuloj pro via zorgo. Mi nur faris kion mi devis fari.'" Pri tio la raportisto de *Vespera Ĵurnalo* pensis en si. Kvankam li ne aŭdis propraorele tiujn gravajn vortojn en la antaŭaj intervujoj, oni tamen rakontis tion al li.

…

Finfine, la heroino lante malfermis siajn okulojn kaj direktis sin rigardon ĉirkaŭen. Ŝajnis, ke ŝi provis konekti la interropitan memoron.

Abisma silento regis ĉirkaŭ la lito. La kamerao estis celita al ŝi, la magnetofono pretigita kaj notlibretoj kviete kuŝitaj sur la mano de la ĵurnalistoj. Ĉiuj, fiksrigardante la heroinon kun profunda emocio, atendis tiujn animskuajn vortojn…

"Speguulon, donu al mi spegulon."

Aŭdiĝis tiuj vortoj en malalta piĉo, sed vere el la buŝo de la heroino.

Momente ĉiuj ŝtoniĝis. Feliĉe estis spegulo apud la lito kaj ĝi tuj estis transdonita al ŝi.

Kun kelka peno, ŝi levis ĝin kaj vidis en ĝi sian vizaĝon por longa momento.

"Mia vizaĝo ne vundiĝis…"

Ŝi ripetis tiujn vortojn kaj dolĉe ekridis.

La du gividantoj rigardis unu la alian, la plumo de la raportisto haltis en la aero, kaj nur kamerao laŭvere registris la ridon de la heroino.



El la ĉina: Hongjia

# EL 《*LAŬZI*》

## ĈAPITRO XIII

Favoro kaj malfavoro kaŭzas konsternon.
Granda malfeliĉo estas same grava, kiel nia korpo.
Kion do signifas, ke favoro kaj malfavoro kaŭzas konsternon?
La favoro estas humiliga per si mem;
Ĝin ricevante kaj perdante
Oni same konsterniĝas.
Jen kion signifas, ke favoro kaj malfavoro kaŭzas konsternon.
Kion, ke granda malfeliĉo estas same grava, kiel nia korpo?
La kaŭzo, kial granda malfeliĉo nin trafas,
Kuŝas en tio, ke ni havas la korpon.
Se ni ne havus la korpon,
Kia malfeliĉo povus fail sur nin?
Tial nur al tiu, kiu zorgas pri la aliaj, same kiel pri si mem,
La mondo povas esti konfidita;
Kaj nur tiu, kiu amas la aliajn, same kiel sin mem,
Estas inda je la regado super ĝi.

## ĈAPITRO XIV

Oni rigardas ĝin kaj ĝi ne estas vidata:
Ĝi estas nomata la Nevidebla.
Oni aŭskultas ĝin kaj ĝi ne estas aŭdata:
Ĝi estas nomata la Neaŭdebla.
Oni penas palpi ĝin kaj ĝi ne estas tuŝata:
Ĝi estas nomata Nepalpebla.
Tiuj ĉi tri kvalitoj, kiuj ne estas precise difineblaj,
Faras ĝin integra tuto mistera.

Ĝia supro ne estas brila,
Ĝia subo ne estas malhela.
Senfina kaj senlima, ĝi estas apenaŭ nomebla
Kaj devenas de la nenieco.
Tio estas la senforma formo,
La senkorpa bildo.
Tio estas nomata la Neapalpebla kaj Neperceptebla.
Starante antaŭ ĝi, oni ne vidas ĝian vizaĝon;
Sekvante ĝin, oni ne vidas ĝian dorson.
Teni sin je la antikva Taŭo por mastri la nunajn aferojn,
Por povi koni la praan komencon —
Tio estas nomata la leĝo de la Taŭo.

Trad. Wang Chongfang



## ĈINA MODERNA POEMO

### Reveno

Gu Cheng

ne endormiĝu, jen ne
la vojo estas longa, kara
ne proksimiĝu al la tento de arbaro
ne perdu la esperon

bonvole per neĝakvo frida
adreson skribu sur la manon
aŭ apogante mian ŝultron
pasigu matendaŭron svagan

la ŝtormon diafanan levu
por ke ni atingu hejmlokon
kun ronda tero verda
kuŝanta apud pagodo antikva

mi tie
gardados vian lacan songôn
forpelos gregojn da mallumaj noktoj
restigos kaj tamburojn bronzajn kaj la sunon

ĉe aliflanko de la pagodo antikva
multmulte da marondoj etaj
sur sablan bordon rampas ŝtele
la trilajn sonojn kolektante…

elĉinigis Fang



## Surreta Literaturo

En ĉi tiu numero ni prezentas al vi Kanajlon Cai (Cai Zhiheng, naskita en Tajvan), tre popularan surretan verkiston. Dum pasintaj du aŭ tri jaroj, li publikigis multajn novelojn surrete kaj rikoltis varman laŭdon de la retaj legantoj. Lia plej fama novelo *Unuafoja Intima Kontakto* akiris vastan aklamadon. Antaŭ nelonge li faris viziton al la ĉeftero de Ĉinio kaj propagandis sian duan reprezentantan novelon *Pluvmantelo,* kiu same konkeris legantojn. Sube ni publikigis la resumon de *Unuafoja Intima Kontakto* por kontentigi la deziron de niaj legntoj.

La Red.

### Unuafoja Intima Kontakto

(eltiraĵo)

Mi konatiĝis surrete kun ŝi.

Kiel komenci? Mi ne rememoras klare. Ŝajnas, ke tio komenciĝis pro mia *plan*. En ĝi legiĝas jene:

"Se mi posedus dek milionon da dolaroj, mi povus aĉeti etaĝdomon.

Ĉu mi havas dek milionon? Ne.

Tial mi ankoraŭ ne havas domon.

Se mi havus flugilojn, mi povus flugi.

Ĉu mi havas ilin? Ne.

Tial mi ne kapablas flugi.

Se mi elverŝus la tutan akvon de la Pacifikan Oceanon, ĝi ne povus estingi la flamojn de mia amo al vi.

Ĉu mi povas fari tion? Ne.

Tial mi ne povas vin ami.

Fakte tio estas nenio alia ol mia profesia malsano.

Mi estas esplor-studento. Por elskribi la ciferajn ekvaciojn, mi ĉiam plenigas mian cerbon per logiko. Kiam la hipoteza kondiĉo ne stariĝas, la konkludo akirita el tiu kondiĉo egalas

senvalorajôn. Estas same sensignifa kiel oni diskutas ĉu estas pli facile por eŭnukoj generi masklon aŭ malpli facile femalon.

Mia *plan* entenas tiujn sensignifaĵojn, kio pruvas, ke mi vere estas nekuracebla malplenemulo, kaj fakte jes. Tial estas racie, ke ĝis nun mi ankoraŭ ne havigis al mi belan fraŭlinon kaj lasas mian kapkusenon neokupita de ŝi.

Kaj ŝi tamen estas escepto. Ŝi eĉ diris al mi per *mail*, ke mi estas interesa. Interesa? Kiel ŝi povus priskribi min per tiu adjektivo? Tio estas samkiel priskribi Lee Denghui* per la adjekto *honesta*, kio ridegigas oni ĝis morto. Mi pensas, ke ŝi havas aŭ malaltan IQ (Inteligenta Kvociento) aŭ eksternorman cerbon, sed ŝia nomo ne prezentas tian kvaliton. Ŝi nomiĝas "Flirtanta Dancanto". Kia poezia nomo! Tamen oni uzas surrete ŝercnomojn signifantajn nenion. Kiu scias ĉu ĝi vere ŝian kvaliton? Alivorte, dinosaŭro absolute ne titolas sin per dinosaŭro, des malpli malkaŝas, ke ŝi loĝas en la ĵurasa parko, kaj ŝi certe cerbumas tenti aŭ misgvidi vin.

Kaj la bela ŝercnomo estas la plej bona armilo, kiun la dinosaŭro uzas por kapti purajn kaj simplajn junulojn kiel mi.

*Lee Denghui estis presidanto de Tajvan



## POEMO DE DU FU

### Templo memore al Zhuge Liang*

Kie trovas sin la templo por memori l' ĉefministron?
Ĝi nestas ekster Chengdu** en arbaro de cipresoj.
Verd-herboj inter ŝtupoŝtonoj plektas primaveron,
Surbranĉe birdoj trilas melodion ja sen ĉesoj.
Tri-foje l' duk' invitis vin al plan' la ŝtata***,
Vi --- sindoneme helpis du regn-estrojn kun sukcesoj,
Ve, vivoferis antaŭ ol akiri finan venkon.
Pri vi l' herooj postaj larmis jen kun kor-opresoj.

*Fama ĉefministro de Shu-regno dum la peiodo de Tri Regnoj en antikva Ĉinio.

** Urbo en sudokcidenta Ĉinio, tiama ĉefurbo de Shu-regno.

*** "La duko" aludas Liu Bei, regnestron de Shu-regno, kiu, por stataj aferoj, invitis tri fojojn Zhuge Liang por helpi sin, spite al ties ignorado, kaj finfine gajnis la talentan kompetentulon.



**tradukita de Vejdo**

* * * * * * * * * * * * * * * * * * * *

Eldonas Redakcio de *Penseo*
Adreso: s-anino Harpina WU
Poŝtkesto 136, Jichang-xi,
Guangzhou, Ĉinio, CN-510403
E-poŝto: harpina@21cn.com
POŜT-KUPONOJ ESTAS BONVENAJ!
…………..
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Shantou Universitato,Guangdong515063, Ĉinio
Tel: (0754) 2903012 (hejme)
E-poŝto: wyd168@21cn.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.

**************************